# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

25/06/2012 Kvindeksesa Eldono 2012 30/06/2012 SENDITA


Tiu ĉi letero havas "hiperligilojn" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj aperos nur en la dekaj eldonoj

# Malsanaj Kaj Vunditaj Aŭstraliaj Esperantistoj

Informu viajn samideanojn pri Esperantistoj kiuj havas sanajn problemojn. Evitu malpravajn onidirojn. Viaj amikoj kompatos vin. Informu nin.




## Audrey Felby

Forpaso de esperantistino

Dimanĉon la 24-an de junio, je la 18:20-a horo, post 49 tagoj en malsanulejo, pace forpasis Audrey Felby, mia kara edzino. Ŝi estis, bedaŭrinde, tre longan tempon tre malsana.

Mia familio kaj mi sincere dankas ĉiujn, kiuj preĝis por ŝi kaj sendis siajn bondezirojn pri baldaŭa resaniĝo al ŝi. Koran dankon al vi ĉiuj.

Plej amike, Bob

# LISTO DE AEA-MEMBROJ KAJ KELKAJ MEMBRAJ RAJTOJ

Kara Roger,

Same kiel vi, mi petis liston de nunaj membroj de AEA kaj ricevis liston de 83 nomoj, sed, bedaŭrinde, sen informo pri la kategorioj de membreco. Vidu la AEA-Statuton de 2007.

Laŭ ĝi, "full members" kaj "life members" rajtas:

"i) receive notice of, attend, and vote at general meetings of the Association,

ii) nominate (or second) eligible individuals for election to the Board, and

iii) receive information about the Association's activities."
Rimarku ke laŭ la Statuto, "associate members" ricevas nur la trian (iii) el tiuj rajtoj.
La Statuto donas al ĉiu AEA-membro, tamen, la rajton scii la nomon kaj kategorion de ĉiu membro, kaj la enhavon de la protokoloj kaj la financaj (kaj aliaj) raportoj de estrar-kaj ĝeneral-kunsidoj de la Asocio. Ni scias, ke dum la pasintaj kelkaj jaroj, preskaŭ neniu membro ricevis tiujn rajtojn. Mi proponas, ke ek de nun ni ĉiuj asertu niajn rajtojn antaŭ, dum, kaj post la elekto de la venonta ESTRARO, kaj al ĉiuj el inter vi mi faras la demandon:

## ĈU VIA NOMO KAJ KATEGORIO ESTAS EN LA LISTO?

**KOMPRENEBLE, TIO INKLUZIVAS HONORAJN DUMVIVAJN MEMBROJN, PRI KIUJ REMEMORIGAS NIN NICOLE ELSE EN *AE55*.**

Amike,
Max Wearing. mwearing@internode.on.net

Se vi ne estas ano de AEA, **aliĝu rapide,** se vi volas voĉdoni AEA membreco

Roger, Dankon pro via novaĵletero. Mi vidas ke vi estas Masonisto - ankaŭ mi! Ĉu estas grupo/asocio de esperantistaj Masonistoj? David Ryan
Saluton, Gordon estas Masonisto. Mi ne estas Masonisto, Mia patro estis Masonisto. Ĉu sufiĉe? Amike Roger

### Nova kondiĉo al skribantoj de leteroj al AE.

Mi ne aldonas iun ajn retadresojn se la skribanto ne mem faras tion.

La ‚Aŭstraliaj Esperantistoj‘ (AE) publikigas vidpunktojn en Esperanto, sendepende ĉu vi estas membro de kluboj aŭ asocioj.
Skribu al ĉirkaŭ 200 legantoj, en Esperanto mi petas.

La nomoj de ĉiuj ricevantoj de la Novaĵletero estas listigitaj en la dekaj eldonoj. Adresdetaloj neniam estas montrataj. Se vi deziras kontakti iujn sur la listo, sendu mesaĝon al AE kaj ni plusendos vian mesaĝon.

Se vi deziras, ke via nomo ne estu en tiu listo, malabonu mi petas.
Se vi ŝangas vian retadreson, mi petas vin sendi la novan retadreson al mi.

Roger Springer rspring@tpg.com.au

## La Venonta Poŝta Voĉdonado de AEA..

Reklamu viajn proponojn, intencojn, planojn en "Aŭstraliaj Esperantistoj"

Estontaj direktoroj, bonvolu doni viajn pensojn pri la sekvantaj punktoj:
**Malfermiteco, Kondiĉoj de aliĝo, Somerkursaroj, Libroservo, Mondeto, Retpaĝaro, Projektoj, Aliĝkosto, Aliaj?**

Membroj bezonas informojn por scii por kiu voĉdoni.

**La nuna Estraro de AEA** **(sep direktoroj)** Eble neniu estis elektita de la membroj?

**Dianne Lukes** | Prezidanto
**Kam Lee** | Administra Direktoro vidu AE50
**Suzanne Corry** | Financa Direktoro
**Jennifer Bishop** | Dir de Edukado
**Yaw Ampomah Badu**| Dir de Utiligado
**Richard Delamore**| Dir de Informado letero AE52
**Crystal Hill** | Dir de Membraj Servoj letero AE53 54 ne estas kandidato

## Kandidatoj por la nova estraro 2012-2014

| | | |
|---|---|---|
| Sandor Horvath | vidu AE50 | |
| Gordon Coleman | vidu AE50 | letero AE51 54 55 |
| Indrani Beharry-Lall | vidu AE50 | |
| Kam Lee | vidu AE50 | |

Kaj kompreneble tiuj de la nuna estraro kiuj deziras esti reelektitaj kaj aliaj pri kiuj ni ankoraŭ ne scias. Bonvolu sciigi nin, se vi deziras resti en la estraro aŭ kandidatiĝi.

## Komentoj pri voĉdonado de ne-kandidatoj

| | |
|---|---|
| Matt Maguire | letero AE52 |
| Svetislav Kanaĉki | dumviva honora AEA membro (ĉu eks?): leteroj AE51, AE54 |
| Max Wearing | leteroj AE54 |
| Nicole Else | letero AE55 |
| Franciska | letero AE55 |

Ĉu vi deziras esti direktoro ĉe la nova AEA?
Ni bezonas almenaŭ sep direktorojn.
Aliĝu al AEA kaj voĉdonu je tiu grava okazo
(Se AEA ne akceptas vin kiel voĉdonanton, skribu al Aŭstraliaj Esperantistoj)

Aŭstraliaj Esperantistoj invitas ĉiujn estrarkandidatojn skribi al ni

**Ĉu vi/mi nun estas voĉdonanta membro de AEA?** Roger Springer

La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ 5 minutan aŭskult/legon tage.